Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Novembro n-ro 11/2009

## "BEL-KONFERENCOJ 2010" INVITAS AL PIRACICABA

Guilherme Jardim, la loka organizanto, informas, ke li jam havigis al ni bonan sidejon por la evento, ĉe agrabla franciskana monaĥejo, kun ebleco surloke gastigi dekojn da partoprenantoj. Dutaga restado, kun matenmanĝo, kostos 40 realojn. Li petas, ke oni sciigu lin pri la intenco partopreni: guilherme@winart.com.br . Pliaj informoj per la retejo http://www.winart.com.br/blogwinart .
"BEL-konferencoj", en du karnavalaj tagoj, ne estos kongreso, sed kleriga kunsido, kun sinsekvaj altnivelaj prelegoj kaj ebleco diskuti temojn ligitajn aŭ ne kun la Esperantomovado – en amika, neformala etoso. Ni partoprenu amase!

## ESPERANTISTOJN AKCEPTOS LA POLA AMBASADORO

Je la dek-unua de decembro 2009, je la 19-a horo, la pola ambasadoro en Brasília okazigos ceremonion omaĝe al la 150-jariĝo de la naskiĝo de Zamenhof. Oni invitis aliajn ambasadorojn, parlamentanojn kaj esperantistojn. La sekretariejo de Brazila Esperanto-Ligo aktive partoprenas la organizon de la evento kaj petas, ke interesatoj kontaktu ĝin.

## REGIONA RENKONTO EN GOVERNADOR VALADARES

Je la 6-a de decembro 2009 okazos la 12-a REVA, regiona evento kiu jam fariĝas tradicia en la nordo de Ŝtato Minas Gerais. La temo de la kunsido estas "50 jaroj de VEK – Valadares Esperanto-Klubo". Inter pluraj interesaj programeroj, oni fondos la klubon "Montaraj Amantoj". Adreso: Av. Paranaíba, fronte al nº 267. (Informis Edvaldo Machado.)

## NOVA RADIPROGRAMO EN BRAZILO

Je la 15-a de novembro , de la 10h ĝis la 10h30 – ĉiudimanĉe - estiĝos radia programo pri Esperanto. Ĝi okazos komence en la portugala, ĉar ĝi celas unue disvastigi Esperanton inter neesperantistoj. La programo nomiĝos en la portugala: "Esperanto é o show. Você, o artista", "Esperanto estas la spektaklo. Vi, la artisto". Ĝi okazos per Radio Melodia - "La elkora radio" - Juscelino Gama, faka delegito de UEA pri Esperanto-instruado kaj disvastigado, estos la prezentanto. Vi estas invitata kunlabori, disvastigi kaj aŭskulti ĝin. Oni aŭskultos ĝin per: www.melodiaweb.com.br . Sugestojn por la enhavo de la programo al: esperanto@melodiaweb.com.br . Por saluti S-ron Osmar Santos - direktoron de la Radio - pro lia apogo al Esperanto: http://www.melodiaweb.com.br/Contato.aspx .Radio Melodia estas la dua plej granda interreta radio, laŭ matematika kalkulilo de Google. Ĝi havas aŭskultantojn en ĉiuj brazilaj regionoj (232 urboj) kaj ankaŭ en 52 landoj. Radio Melodia jam de unu jaro kaj duono kunlaboras por la disvastigo de Esperanto. Nu, financa apogo, estas ankaŭ bonvenega! (Informis Juscelino Gama.)

## "CONFERÊNCIAS DA LBE 2010"

Guilherme Jardim informa, que o evento, a ocorrer em Piracicaba /SP, no Carnaval, já dispõe de excelentes instalações e hospedagem, em agradável mosteiro franciscano. Duas diárias, com café da manhã, custarão 40 reais. Ele pede que os participantes comuniquem sua inscrição antecipadamente:

guilherme@winart.com.br .

## HOMENAGEM A ZAMENHOF NA EMBAIXADA DA POLÔNIA

A Secretaria da Liga Brasileira de Esperanto comunica que o Sr. Embaixador da Polônia, em Brasília, fará realizar cerimônia em homenagem a Zamenhof, em 11/12/2009, às 19 h. Interessados devem contatar a Secretaria.

## ENCONTRO EM GOVERNADOR VALADARES / MG

Em 6/12/2009 vai acontecer no norte de Minas Gerais o 12º REVA, encontro regional de Esperanto no norte do Estado. Tema : "50 anos do Clube de Esperanto de Valadares". Na ocasião, será fundado o clube "Amantes da Montanha". R. Paranaíba 267. (Edvaldo Machado)

## NOVO PROGRAMA DE RÁDIO

Em 15/11/2009 começa o novo programa "Esperanto é o show. Você, o artista.", pela Rádio Melodia, uma das rádios mais ouvidas, das veiculadas pela internet. O programa, em Português, será apresentado por Juscelino Gama, Delegado da Associação Universal de Esperanto Especializado em ensino e divulgação do idioma. Envie sugestões para:

esperanto@melodiaweb.com.br. Para cumprimentar o Diretor da emissora, use o sítio: http://www.melodiaweb.com.br/Contato.aspx .

A Rádio Melodia é ouvida em todas as regiões do Brasil e mais 52 países. (Informou Juscelino Gama.)

Já renovou sua adesão á
Liga Brasileira de Esperanto para 2010?

Ĉu vi jam aliĝis al Brazila
Esperanto-Ligo por 2010?

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Novembro n-ro 11/2009


## BRAZILA JUNULARO KUNSIDOS EN CHARQUEADA / SP

“NOVA 2010” – jen estas la nomo, kiun ricevis la unua renkonto de brazilaj junaj geesperantistoj, kiu okazos en tiu malgranda urbo. La eventon oni planas laŭ la stilo de eŭropaj similaj kunsidoj, kaj ĝi okazos de la 5-a ĝis la 9-a de januaro 2010, sub la aŭspicio de Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO). Informojn per http://bejo.esperanto.org.br/nova2010.html#obs. Loka organizanto estas la tre aktiva Guilherme Jardim: guilherme@winart.com.br (tel. 551934231675 / 55 19 9625-8695).

## AGO-TAGO EN CARAGUATATUBA / SP

Pro klopodado de la lokaj geesperantistoj, la aŭtoritatuloj en tiu fama turisma urbo oficialigis “Municipan Esperanto-Tagon”, kiu nun estas parto de la oficiala kalendaro. En la unua sabato de oktobro 2009 oni unuafoje celebris la okazaĵon per rubandoj, tendo kaj komputilaj filmoj, en centra loko. Multaj homoj vizitis ĝin kaj ricevis informojn pri la Internacia Lingvo. Oni sonigis Esperantajn kanzonojn kaj sendis retmesaĝojn. (Informis Maurício M. Gomes.)

## SURSTRATA MANIFESTACIO EN S.J. RIO PRETO / SP

Je la 28-a de oktobro 2009, je la 19-a horo, geesperantistoj en la urbocentro disdonis 2500 flugfoliojn pri Esperanto. La materialon preparis Juscelino Gama (UEA-Fakdelegito) kaj finance produktis sindikato “Sindiquinze”. Afiŝegon oni surloke starigis. La manifestaciantoj rimarkis, ke profunda malkono pri la Internacia Lingvo regas en la loĝantaro, kio fortigis la intencon plu okazigi tiaspecan informadon. (Informis Leandro Freitas.)

## ESPERANTO-BUDO EN PERNANBUCO

Okaze de granda spiritisma evento en la urbo Olinda / PE, Esperanto-Asocio de Pernambuco starigis budon kun televidaparato, por montri librojn, filmojn kaj aliajn materialojn pri Esperanto. Oni montris ankaŭ tradukaĵojn de la fama Esperantisto Porto Carreiro Neto, kiu naskiĝis en tiu brazila ŝtato. La budo estis unu el la plej multenombre vizititaj okaze de la evento. Eblas vidi fotojn per la retejo esperanto-pe.org. (Informis Wendel T. Pontes.)

## SOMERA KURSO EN RIO

Esperanto-Grupo L.L. Zamenhof okazigos someran kurson en Rio. Ĝi okazos de la 14-a de januaro ĝis la 28-a de februaro 2010, de la 18-a horo ĝis la 19:20 h. Adreso: R. Abílio dos Santos 137, Bento Ribeiro. Informojn per contato@lazaroluizzamenhof.com.br.

## RENKONTO EN LA PARAIBA VALO: PORTO REAL / RJ

La vigla, aktiva Carlos Pettinati, en la urbo Porto Real / RJ, invitas al unu plia regiona, tradicia renkonto, je la 6-a de decembro 2009. Adreso: “Instituto Educacional de Porto Real”, Av. D. Pedro II, 845. Pli detalajn informojn per pettinati.carlos@hotmail.com .

### JUVENTUDE BRASILEIRA PROMOVE ENCONTRO EM CHARQUEADA / SP

“Nova 2010” é o nome da nova iniciativa da Juventude Esperantista Brasileira. Concebido nos moldes dos encontros europeus, o evento vai acontecer de 5 a 9 de janeiro de 2010. Informe-se e participe: http://bejo.esperanto.org.br/nova2010.html#obs

### AÇÃO PELO ESPERANTO EM CARAGUATATUBA

Os Esperantistas da cidade obtiveram junto às autoridades que o Dia Municipal do Esperanto entrasse no calendário oficial. No primeiro sábado de outubro de 2009 foi realizada a primeira manifestação, em praça pública, com tenda, faixas e mostra de filmes e canções em Esperanto. (M.Monken)

### PANFLETAGEM EM SÃO JOSÉ RIO PRETO / SP

Em 28/10/2009, 2500 panfletos sobre Esperanto foram distribuídos em via pública, com cartaz e apoio do sindicato “Sindiquinze”. (Leandro Freitas)

### ESTANDE EM OLINDA / PE

Por ocasião de evento espírita, a Associação Esperantista de Pernambuco montou exposição de grande sucesso, com filmes, livros e divulgação da obra do grande Esperantista Porto Carreiro Neto, nascido naquele estado. (W. Pontes)

### CURSO DE VERÃO NO RIO

O “Esperanto-Grupo L.L.Zamenhof convida para curso de 14/01/2010 a 28/02/2010, às 18 h.: R. Abílio dos Santos 137, Bento Ribeiro. Informe-se:contato@lazaroluizzamenhof.com.br

### ENCONTRO EM PORTO REAL

Trata-se do tradicional encontro no Vale do Paraíba. em 06/12/2009, à Av. D. Pedro II,845. Organizador: pettinati.carlos@hotmail.com.